*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 23/05/2019 Kvarcentdudeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj** reta-vortaro Freelang Vortaro Plena Ilustrita Vortaro Duolingo Google Translate Pasintaj AE eldonoj duolingo entute lingvohelpilo Esperanta Retradio Esperanta himno PMEGramatiko openclipart.

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 827,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 325,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 303,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 199,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.69




**(La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay**



En $ 174 P.A.G. pli klarigas la diferencon inter Objekta Predikativo (Li havas la ovojn kuiritaj = en kuirita formo) kaj Simpla Epiteta Adjektivo (Li havas la ovojn kuiritajn = Li havas la kuiritaJn ovojn). Se oni volas alimaniere precizigi la signifojn, oni povas uzi "Li manĝas la ovojn en kuirita stato" = "kuiritaj" kaj "Li manĝas tiujn ovojn kiuj estas kuiritaj". Same ĉe "Mi trovis la vinon bonan = kiu estas bona, kaj "Mi trovis la vinon bona" = ke ĝi estas bona. En la unua kazo oni serĉas bonan vinon, en la dua kazo oni serĉas la bonecon aŭ ne de iu jam trovita vino.

P.A.G. en tiu paragrafo ankaŭ klarigas la formon kun "kiel", kaj ĝuste mencias ke ĉi tie "kiel" estas nur "liganta vorto" (teksto de Zamenhof). Tial la parto post "kiel" estas en la sama gramatika kazo kiel la parto antaŭ "kiel", ekz. "Li restis prezidanto" kaj "Ni elektis liN kiel prezidantoN". "Kiel" en ĉi tiu situacio ne havas la normalan signifon de "en la maniero de". Sed ĝi estas tre populara.

En la sekvaj paragrafoj P.A.G. klarigas la diversajn Gramatikajn Objektojn ĉe transitivaj verboj. *Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagata kafo atendas vin.
La 18a de majo estis la tria sabato. Venis Roger Springer, Michael Peters, Chris Holliss, John Casey kaj Ian Wylles. *Roger Springer.*



## Komento pri Universala baza enspezo (UBI)



# Estas bone ke iuj ne deziras labori

Mi ofte aŭdas personojn kritiki la senlaborulojn. Iuj diras, ke ili estas aĉaj personoj kiuj eĉ ne provas trovi laboron. Sed aliflanke oni aŭdas, ke ekzistas multaj personoj kiuj ege deziras trovi laboron kaj ne sukcesas. Por unu posteno povas esti 10 kandidatoj aŭ pli. Ni devus esti dankemaj al tiuj kiuj ne volas labori, ĉar ĉiukaze jam ne estas sufiĉe da postenoj por tiuj kiuj deziras. Do ne vere estas problemo, ke iuj ne deziras labori. Se ili povas senpage loĝi kun parencoj ekzemple ili ne prenu la postenojn kiuj estas pli bezonataj de tiuj kiuj devas pagi luprezon kaj bezonas nepre enspezon pli grandan ol tiun kiun senlaboruloj ricevas. Multaj, kiuj ja laboras dum multaj horoj, ŝajne ĵaluzas, ili ja ŝatus ne devi labori, sed aliflanke ili tamen certe tute ne volus vivi kun tre malalta enspezo.

Mi pensas, ke ĉiuj ja devus ricevi bazan enspezon. La postuloj de Centrelink estas ofte granda perdo de tempo por la labordonantoj, la senlaboruloj kaj la administrantoj.



Amike, *Nicole Else*



# Ĉu vian necesejan paperon pendas guste?



Dumana disŝiro



Unumana disŝiro

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

.**_Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero._** rspring@tpg.com.au

Kiam la papero elvenas apud la muro, vi povas teni la paperon per la fingroj kaj puŝeti la volvitan paperon per la malantaŭa parto de la mano kaj disŝiri la deziratan paperon. Tiam vi povas uzi la alian manon samtempe por alia dezirata tasko. *Roger Springer.*





# Vojaĝraporton de François Hounsounou

35a Printempa Semajno Internacia en Germanio: mia impreso.



Post la estraraniĝo ĉe Tejo, François Hounsounou libervole prenis sian sorton en siaj manoj kaj akiris novan sperton. Li plurfoje vojaĝis en Eŭropon per neesperantaj asocioj.

Kio okazis post la UK en Lisbono?

François ĉesis enŝovi nazon en la rektan problemon de UEA kaj de la Centra Oficejo de UEA en Afriko kiam li estis blokita por vojaĝi al Lisbono kvankam li akiris la vizon.
La 9an de aprilo, François flugis al *Hochspeyer*,Germanio.

Kion li Faris en Germanio?




Francois celis partopreni la Printempa-n Semajno-n Internacia-n (PSI). Por atingi *Hochspeyer*, li rondvojaĝis kaj prelegis pri Afrika Centro Mondcivitana en Benino kaj pri la 7a Afrika Kongreso de Esperanto de UEA en *Munkeno* kaj kafoklaĉis en Ulm. En tiuj urboj li konatiĝis kun aktivaj esperantistoj. Li instigis ilin partopreni, aŭ helpi la okazigon de la afrika kongreso, kiu okazos en *Burundo*. La munkena klubo finance subtenis la familion de François tiel ke ĝi ĉeestu ĉe *Lars Sozuer*, kiu multe sciis pri la familio. Multaj demandoj estis responditaj pri Afriko, Esperanto. Li rezignis respondi al demandoj rilate kelkajn personojn en Afriko pri Esperanto. Li estis gastigita de *uli Ender*, *Karl* kaj *Emma Breuningen*.Ili vizitigis lin la plej belajn vidindaĵojn en *Munkeno*, Augzburgo. Estis neforgesebla renkontiĝo. Multan dankon al la munkena klubaro.

La 15an de aprilo, François entrajniĝis kaj atingis *Hochspeyer*. Je sia granda surprizo pozitiva li estis akceptita de sia malnova amiko, *Helmut Klunder*. Tiu lasta veturigis lin en la junularan gastejon kie okazos PSI. Ĉe la akceptejo, estis nova surprizo. Tiu amiko estis la samĉambrano

de François. Dum la tuta periodo tiu amiko zorgis pri li kiel lia propra patro same kiel faris en Munkeno kaj en *Ulm* Uli, *Karl* kaj *Emma*.



La programeroj vere komenciĝis marde. Diversaj prelegoj okazis en la sama horo kaj malsamaj lokoj. François trifoje prelegis: ĵaŭde pri Afrika Centro Mondcivitana sub la temo " kian rolon ĝi ludas en esperantujo?", vendrede estis por " la 7a- Afrika Kongreso de Esperanto de UEA en Burundo" kaj sabate sub la temo" la benina lingvo".
Ĉiuj partoprenintoj interesiĝis pri la tri okazitaj prelegoj. Francois respondis al tiklaj demandoj rilate la afrikan kulturon kaj poste pri la kongreso kaj pri la politika situacio en Burundo. La respondoj de François instigis al kelkaj partoprenintoj surloke esplori la flugon al Burundo. Kelkaj deziris vojaĝi al la 7a kongreso, sed iuj preferis helpi per la pago de la aliĝkotizo. Iu postulis ke Afrika Fondaĵo devas havi kodon per kiu ili facile monĝiros.

François promesis al ili ĉion sciigi kiam li rehejmiĝos. Li dume estis en kontakto kun *Émile Malanda*, la kunordiganto de Afrika Komisiono, *Jérémie Sabiyumva* en Burundo, la ĉeforganizanto kaj Fernando Maïa, la UEA-estrarano pri Afriko. Tiu kontakto permesis al li levi kelkajn demandojn.

La 22an de aprilo estis la disiĝo. Ni adiaŭis unu la alian kaj rendevuos en Buĵumburo, en Afriko.

Estis lia dua partopreno en Printempa Semajno Internacia (PSI). La unua okazis en *St-Andreasberg*.

Li havas egan pozitivan impreson pri tiu aranĝo. Li distance observadis la organizintojn. Estas ĉiam ridetoj okulaj kaj buŝaj inter ili. Li ne rimarkis iun moŝton inter ili. Li notis tre bonan etoson inter ili kaj la aliaj. La nura aĵo, kiun li antaŭe ne sciis estas ke PSI estas familia renkontiĝo. Ĉiu venis kun sia familio. Estis bele. Li vere admiris la tutan teamon. Entute estis 73 partoprenintoj inter kiuj François estis la nura afrikano.
Por fini indas danki s-rojn :*Ulrich Brandenburg, Ralf Haumer, Uli Ender,Karl & Emma,Klaus Rumrich*, familio *Fischer*,*Lars Sozuer,Tuomo Grundstrom, Helmut Klunder* kaj Fernando Maia, kiuj iamaniere subtenis la vojaĝon, gastigis lin. Dio benu kaj protektu ilin.



Raportis, François Hounsounou okcidentafriko

.*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Esperanto-Kulturdomo en kastelo Greziljono

invitas vin al siaj someraj kursoj kaj aktivaĵoj, dum 7 ĝis 10 tagoj, en julio kaj aŭgusto

de lundo 8a ĝis ĵaŭdo **18**a de **julio**: Maratona kurso kaj interŝanĝoj

- Dennis Keefe (Usono, Ĉinujo): **KUKO**, nova Kurso Unesko-Kuriero
- Marion Quenut (Okcitanujo): Esperanto-kurso « **Ni kuneku !** » por komencintoj kaj progresantoj
  - Interŝanĝoj de scioj kaj faroj en la franca lingvo
  - Caroline Mauboussin: Libro-bindado
- Vidi la detalojn en gresillon.org/s2, aliĝo en gresillon.org/aligho

de mardo **6**a ĝis vendredo **16**a de aŭgusto: Infanoj, familioj, dancoj

- Dennis Keefe (Usono, Ĉinujo) : Nova kurso pri la filmoj de Ĉarli Ĉaplin
- Jean-Luc Kristos : Ludu ni por paroli iomete, multe, pasie !
  - aktivaĵoj por la infanoj kun Nicky, Larissa, Anastasia, Alain, Bert
  - tradiciaj popoldancoj kun Françoise
- Vidi la detalojn en gresillon.org/s4, aliĝo en gresillon.org/aligho



Bonvenon en Greziljono, F-49150 Baugé, kastelo@gresillon.org *Bert Ŝuman*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Forgesitaĵoj en mia ĝardeno.

## FEDERACIAJ ELEKTOJ.

Kiam okazas elektoj, la politikaj partioj promesas al ni ke ili enkondukos ĉiajn plibonigojn por ni. Post elektiĝo la politikistoj leĝe ne bezonas efektivigi kion ili promesis. Kaj kiam ili volas ne fari kion ili promesis, ili penas menspolucii nin ke ili faras.

Diversspecaj pliboniĝoj estas diverspove efektivigeblaj, kaj laŭ la ekonomiistoj la plej neefektivigebla promeso estas tiu pri la ekonomio. Alivorte: La ĉefministro ne bezonas scii pri kiel konduki la ekonomion, sed li devas profunde scii, kiamaniere la ekonomio regas lin (aŭ ŝin). Ĉiuj promesoj pri la ekonomio estas senvaloraj, ĉar registaroj kapablas direkti la ekonomion nur ege malmulte. Do ne kredu ilin pri tio!

*Marcel Leereveld.*

## FORGESITAĴOJ EN LA GRAMATIKO . ★

Multaj Esperantistoj, kaj eĉ Esperantologoj, ne konscias ke la Pasiva Voĉo komplete korespondas al kaj dependas de la Aktiva Voĉo. Tiel, ke la bildo estas ekzakte la sama en ambaŭ Voĉoj; nenio ŝanĝiĝas en la okazado se oni ŝanĝas de unu al la alia Voĉo. Se oni filmas "La viro batas la hundon" oni uzas la saman filmon por ĝia Pasiva alternativo "La hundo batatas (estas batata) de la viro". Kie Esperantistoj (neesperantistoj kutime ne faras erarojn tie) faras eraron ŝanĝante de unu al la alia Voĉo, estas precipe la tempo de la predikato, de la verbo.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

La ŝanĝo de Aktiva al Pasiva, kaj inverse, ne estas en la okazaĵo, en la bildo priskribata, sed en la direkto de la menciado de la diversaj partoj de la bildo. Oni do ne bezonus la Pasivan Voĉon, sed ni havas ĝin en Esperanto ĉar la eŭropaj lingvoj havas ĝin, kaj multaj lingvoj ekster Eŭropo ne havas ĝin, ĉar ne bezonas ĝin. Se la Esperantistoj konscias, ke ĉiu parto de la Aktiva bildo estas ekzakte la sama kiel ĉiu parto de la sama Pasiva bildo, la uzo de la Pasiva Voĉo ne estus malfacila en Esperanto. Oni bezonas lerni nur, ke la Aktiva Subjekto, "La viro", fariĝas Adjekto kun la prepozicio "de" en la Pasivo: "de la viro", kaj ke la Gramatika Objekto, "la hundon", fariĝas Subjekto en la Pasivo, "La hundo", kaj ke, same por montri la vicordon de la diranto kaj de la aŭdanto, la verbo ricevas specialan sufikson "-ati" en la Pasivo, kaj ke la tempo de la verbo restas la sama: "batatAS" (kun "batAS); aŭ en la malmoderna Pasivo "estAS batata".

Jen do ekzemploj de la ŝanĝo de Aktivo al Pasivo:

| | | | |
|---|---|---|---|
| PREZENCO: | La viro batAS la hundon. | > | La hundo batatAS de la viro. (antaŭe: estAS batata). |
| PRETERITO: | La viro batIS la hundon. | > | La hundo batatIS de la viro. (antaŭe: estIS batata). |
| FUTURO: | La viro batOS la hundon. | > | La hundo batatOS de la viro. (antaŭe: estOS batata de la viro). |
| IMPERFEKTO: | La viro estas/is/os batanta. | > | La hundo estas/is/os batATa. |
| PERFEKTO: | La viro estas/is/os batinta. | > | La hundo estas/is/os batITa. |
| PREDIKTO: | La viro estas/is/os batonta. | > | La hundo estas/is/os batOTa. |

La plej multaj eraroj, kaŭzataj pro malĝusta traduko el la etna lingvo, estas la duobla pasinto en la malnova Pasivo (= tiu kun "esti"), kie la Aktivo havas nur unu Pasintan Tempon: "Je la kvara horo oni trovis, aŭ estis trovanta, la infanon", do la infano estis trovata (trovatis), kie oni malĝuste uzas "trovita". Se vi uzas "estis –ita,", vi ĉiam diru al vi mem "Ĝi je la kvina jam estis trovita antaŭe". En plej multaj kazoj vi rimarkos, ke vi simple devas diri "estis trovata je la kvara", kiel en la aktivo "Oni je la kvara estis trovanta (aŭ simple "trovis") la infanon". La kaŭzo ke eŭroplingvaj Esperantistoj ofte faras la eraron uzante du pasinteco-vortojn en la Pasivo dum ili uzas en la Aktivo nur unu, estas ke en la Aktivo la participo NE indikas tempon (aŭ estas en la neŭtrala Prezenco): "Ni estis ricevANTaj (aŭ "ricevis") la leteron je la dua" (*we were receiving*) , dum en la Pasivo la sama frazo uzas la preteriton "estIS" KAJ la t.n. Pasintan Participon ("(*was being) received*" ("la letero estis ricevi/ata") kiu t.n. Pasinta Participo en la etna lingvo NE INDIKAS IUN AJN TEMPON, sed nur la Pasivecon (la tempo indikatas en "*was*"). Do tradukante el la etna lingvo al Esperanto oni NE POVAS UZI LA PASINTECON, sed nur la pasivecon: "(estis) ricevATa". Ĉar eĉ la etnaj lingvistoj ne scias ke en tiaj kazoj la participo indikas nur la pasivecon kaj ne la pasintecon, oni povas kompreni ke la Esperantologoj certe ne komprenas la aferon. Do ne falu en tiun kaptilon!

*Marcel Leereveld.*

## TRI PROBLEMOJ DE LINGVOPOLITIKO DE ESPERANTO . ★

En la Esperanto-movado estas pluraj homoj, kiujn interesas la estonta evoluo de nia lingvo, kaj kiuj diskutadas kaj verkadas pri tiu lingvopolitiko. Ili ofte indikas danĝerojn, kiuj povos

vundi aŭ mortigi Esperanton, kaj kelkfoje ili pravas. Eĉ ekzistas grupetoj de tiaj samideanoj, el kiuj la plej aktivaj estas nun la tiel nomataj klasikesperantuloj. Ĉiuj tiuj aktivuloj estas tre utilaj, precipe ĉar ekzistas eblo ke kelkaj el niaj kutimoj kaj novaĵoj funde domaĝos al Esperanto. Ne malofte tamen ili mem enkondukas lingvopolitikerojn kaj ideojn, kiuj mem danĝeras al Esperanto. Tio estas komprenebla fenomeno, precipe ĉar ili baziĝas kutime sur la eŭropaj lingvismaj teorioj, kiuj ne tute, kelkfoje eĉ tute ne, aplikiĝas al nia lingvo. Pri ĉilasto vi povas legi sufiĉe da avertoj en mia gramatiklibro "Lingvaj Resondoj".

Mi ĉisekve donas miajn opiniojn pri tri direktoj de nia nuna lingvopolitiko. La **unua** temas pri la evidentaj kaj ne tiom evidentaj eraroj faritaj de Zamenhof. Estas komprenebla, ke li faris kelkajn erarojn, kaj plurajn nesaĝaĵojn, en tia vasta kaj kompleksa verko. Speciale ĉar liaj lingvaj komprenoj dependis de la tiutempaj grek-latin-germanaj lingvismaj klarigoj, kiuj ne ĉiam validas por artefarita lingvo. Liajn erarajn klarigojn kaj decidojn ni ne povas ŝanĝi, ĉar ni ne povas ŝanĝi la Fundamenton. Se ni farus, ĉiuj rajtus fari tion, kaj tio estus la fino de Esperanto. La nura afero kiun ni povas fari en tiaj kazoj, estas ne plu uzi liajn erarojn kaj anstataŭe uzi aliajn, ĉikaze ĝustajn formojn laŭfundamentajn. La eraroj do restas oficialaj, sed neuzataj. Malofte ni malsamopinias pri la interpretoj de la Fundamento, sed en tiaj kazoj ni estu ortodoksaj. Agante tiel, ne plu uzante Zamenhof'ajn erarojn, ni ne ŝanĝas la Fundamenton. Ne utilas trovadi tialojn por defendi la malrekomendaĵojn kaj la erarojn, kiel oni tamen ofte faras. Tio estas perdo de tempo kaj energio. Ni uzu nian valoran tempon kreante novajn vortojn, kaj ĝustajn gramatikaĵojn, laŭ perfektaj aglutinaj aŭ speciale Esperantaj reguloj. Kelkaj el tiuj eraroj estas "elrigardi" kaj "ĉionpova" kaj "sindona" anstataŭ la nun uzataj "aspekti" kaj "ĉiopova" kaj "sidona".

Mia **dua** temo koncernas la perdon de tempo, speciale de la bonega grupo "la bona lingvo". Marteladi sur la fakton ke Esperanto devas ne esti sed estas eŭropa lingvo. Ili penadas, cetere se multa sukceso, konvinki nin ke ni devas enkonduki pli da aziaj vortoj. Mi trovas tion perdo de energio, ĉar ni jam faras tion kiam temas pri kulturaĵoj por kiuj ni ne povas trovi Esperantajn kunmetaĵojn. Kaj tiuj aziaĵoj tamen ne helpus la afrikanojn aŭ la novgvineanojn. Por konsekvence internaciigi Esperanton ni bezonus centojn da anstataŭantaj vortoj neeŭropaj por anstataŭi la nunan vortaron. Esperanto ne estas, kaj ne volas esti, tia matematike ellaborita miksaĵo de la trimil lingvoj de la mondo. Cetere la el la eŭropaj lingvoj prenitaj radikoj plejofte ŝanĝas sian aspekton pro la Esperantaj derivado kaj vortkunmetado kaj kategoriaj finaĵoj. Krome la gramatikaj reguloj estas pli internaciaj pro sia simpleco, tiel ke kaj la aspekto de la vortoj kaj la reguloj de la gramatiko estas por eŭropanoj same facilaj aŭ malfacilaj kiel por neeŭropanoj. Ni do ne perdu nian tempon pri tio. Cetere la unua celo de internacia lingvo estas, funkcii kiel ilo por pli bone kompreni unu la alian inter la popoloj de malsamaj lingvoj, kvankam Esperanto povas uzati ankaŭ por artaj celoj. Do ne gravas, el kiu lingvo venas la radikoj, same kiel ne gravas, el kiu lando venas iu parto de via aŭtomobilo. Ni do lasu Esperanton tia, kia ĝi estas, alprenanta nur kelkajn novajn, fremdajn, radikojn. Se necese, neeŭropajn por neeŭropaj nove trovitaj kulturaĵoj.

Mia **tria** temo koncernas la amikojn, kiuj cerbumas kaj cerbumas kaj serĉadas kaj serĉadas, kion ekzakte signifas la regulo dek-kvin. Ili perdas multe da valora tempo serĉante la

manieron, en kiu Zamenhof atendis ke ni kreu novajn vortojn el fremdaj lingvoj. Ekzistas multaj manieroj por respondi al tio, sed mankas kaj mankos samopinieco. Mi konsilas, ke ni simple imitu kion Zamenhof faris: uzu la Fundamenton, kreu novajn vortojn per la oficiala Fundament'eca radikaro, alprenu fremdajn vortojn por novaj nocioj, precipe teĥnikaj, kaj esperu, kiel faris Zamenhof, ke la Esperantistoj trovos kaj uzos alternativojn por tiuj fremdaj vortoj per uzado de kunmetaĵoj el oficialaj radikoj. Krom kelkaj individuaj Esperantistoj, la tre utila grupo "la bona lingvo" estas la sola, kiu sin utile okupas pri ĉi tiu de Zamenhof esperita ŝanĝado de fremdaj neologismoj al aŭtentike Esperantaj novaj vortoj.

*Marcel Leereveld*.

## PRI LA U. B. I. (Universala baza enspezo)



Esperanto estas idealo, sed nur por tiuj kiuj laboras por ke la lingvo akceptatu universale. Dum 85 jaroj Esperanto estis idealo por mi, sed nun mi ne plu kredas en ĝian venkon, ĉar nur perfekta lingvo povus funkcii kiel internacia lingvo, kaj preskaŭ ĉiuj "altrangaj" Esperantistoj uzas Esperanton kiel ludilon, anstataŭ por perfekta lingvo, kiel idealon.

Ĉar idealoj celas perfektecon, ne sufiĉe da homoj ĉeestas por sukcesigi idealon, kaj tial plej multaj idealoj ne efektiviĝas. Marksisma komunismo estis idealo, sed malsukcesis en Rusujo de Lenin en la dudekaj jaroj, parte pro efektiva kontraŭado ate de Usono, ĉar ĝi timis demokratecon, kaj parte pro Lenin, kiu metis ĉiun potencon en la Komunistan Partion, kiu fariĝis diktatoreco. Post la dua mondmilito ekzistis vera marksisma komunismo en Mozambiko, sed Usono milite organizis ĝian ŝanĝiĝon al kapitalismo. Kelkaj idealismoj, precipe pri elradikigo de malsanoj, sukcesas.

U,B.I. estas idealo. Tiuj kiuj laboras por efektivigi ĝin estas idealistoj. Ili kredas, ke estos ebla realigi ĝin. Roger kaj aliaj havas almenaŭ du idealojn, Esperanto kaj U.B.I. Ni admiru ilian laboradon por tiuj kaj aliaj idealoj. Mi estas pesimisma pri ambaŭ, kaj Vera jam aludis al la tialo de mia pesimismo, kiam ŝi skribis : "Ho ve! Mi dubas, ĉu la militemuloj kies arsenalo-industrio bilionuligas ilin, samsentas kiel ni". Ili certe ne samsentas, kaj ili havas pli da potenco ol ni ĉiuj kune. Tion komprenis la eŭropanoj jam antaŭ jarcento. Tial ili, aŭ multe da ili, estis pretaj batali por sia idealo de egalsalajra socio, precipe per strikoj kaj demonstracioj kaj fabrikokupadoj. Ill jam sciis, ke sen batalo la uzurpantoj de nia socio neniam fordonos sian potencon, nek iliaj lakeoj nek la registaroj nek la politikistoj. Sed parte pro la milito nenio sukcesis. Kaj la potenculoj en la mondo bone lernis kiel efike teni nin en niaj katenoj.

Nun do restas emancipigo de la demokratemaj homoj, esperante ke ili lernos kiamaniere venki la potenculojn, pace aŭ perforte. Granda nova idealo. Sed por tio ni devas esti same inteligentaj kaj kleraj kiel estas la bonsalajritaj lakeoj de la kapitalistoj.

Kaj ni ne forgesu, ke mense kaj praktike ni ĉiuj estas kapitalismaj, ĉar en nia socio ni devas daŭre batali por ekhavi el la socio tiom multe da mono aŭ posedo kiom eblas.

*Marcel Leereveld.*



*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

## Pli bonigu ELEKTOJn en Aŭstralio.



En Aŭstralio ĉiu civitano devu iri al la voĉdona loko kaj havu sian ĉeeston notitan por evitu monpunon. Sed kvankam la leĝo devigas vian ĉeeston ĝi ne povas devigi vin studi la politikojn de la kandidatoj.

Laŭ mi, **unue**, por malgrandigi nekomprenatajn voĉdonojn (loteriajn voĉdonojn), oni devas havi lokon por elekti **"mi ne havas opinion"** sur la voĉdonilo. (antaŭe tiuj homoj voĉdonis senpense aŭ fiskribis la voĉdonilon)

Laŭ mi **due**, oni devas malpermesi la fordonon de tiel voĉdonaj broŝuroj antaŭ la voĉdonejoj. (Tiel la medion ŝparus miloj da ne necesaj broŝuroj) Nun la voĉdonilo montras la nomon de la kandidatoj kaj ties partion, do oni mem povas enmeti sian duan, ktp elekton sen granda klopodo. La problemo estas ke tiuj broŝuroj ne sciigas al la ricevanton kiu ricevas la duan, ktp elekton. Do la antaŭaj interkonsentoj de la politikaj partioj profitas de la nepensintaj voĉdonantoj.



**Kion vi opinias?** *Roger Springer*



# HORO KUN KROKO KAJ ANKAŬ SEN KROKI!

Estis plezure ĉeesti la unuan ne-krokodili kunvenon de ELOA ĉe kafejo en la Ŝtata Biblioteko lastan sabaton. Eĉ valoris la penon por mi aŭtobusiĝi po dum preskaŭ unu horo ĉiudirekten.

Ni estis nur ses homoj kaj verdire nur tri el ni babilis sed de etaj glanoj grandaj kverkoj kreskas. Ĉeestis krom mi: Shayne, Owen, Ron, Frank, kaj flue parolanta Kristian, originale el Kolombio.

Ripozante sur la tablo estis belega, longa, verda, mola krokodilo, ankoraŭ sen nomo, do Shayne (ties paĉjo) invitis sugestojn, sed por nun "Kroko" sufiĉos.



Ĉu vi scias kion signifas *po-signo*? (Ankaŭ konata kiel *heliko* - sed ne la besteto malrapide movanta.) Ĝi estas la @ signo en via retadreso. Kaj tion mi ne antaŭe sciis.

Oni povas studi, legi, skribi, sed ho ve, sen paroli la koncernan lingvon, balbuto aŭ muteco regas. Praktiku aŭ perdu. Do, ĝis la venontmonata renkontiĝo, Kroko! 😁

*Vera Payne* el Perto



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# BALOTADO PRI KOMITATANOJ B KOMENCITA



Unuafoje en la historio de **UEA,** la membroj povos voĉdoni rete en "via spaco" en la retejo de UEA. Ĉirkaŭ 800 membroj, kiuj aŭ ne havas retpoŝtadreson aŭ kie la retpoŝtadreso en la pasinteco iel ne funkciis, tamen ricevos paperan balotilon poŝte kaj devas resendi ĝin poŝte.

Partopreno eblas por ĉiu membro, kiu jam kotizis por la jaro 2019. Tiel la membroj elektas la reprezentantojn de la indvidua membraro en la Komitato de UEA dum la trijara periodo 2019-2022. Temas pri demokratia elemento de nia asocio. Voĉdono ne nur estas rajto, sed ankaŭ demokratia devo. Inter la 8 kandidatoj, kies sinprezentoj troviĝas sur la balotilo kaj aperas ankaŭ ĉe: https://uea.org/asocio/elektoj/kkb2019, eblas voĉdoni por 5 kandidatoj. La voĉdono estas plene anonima.



Reta voĉdono eblas ĝis la 28-a de junio. Paperaj balotiloj devas atingi la Centran Oficejon ĝis la sama dato. informis nin *Katja Steele*



# La homo nevidebla




Rete atingeblas la esperantigita verko La homo nevidebla - verkita de la hungara verkisto Géza Gárdonyi. La aperon helpis sinjoro Renato Corsetti.

Se laŭ la ligilo klakante vi atingos la ĝustan, la koncernan paĝon de la biblioteko, bonvolu klaki al tiu deŝutmaniero (pdf aŭ al alia) pere de kiu vi volas atingi la tekston. Sur la koncerna paĝo vi trovos ankaŭ rubrikon, kie vi povos enskribi poste vian opinion pri la legita libro.

Jen la atingejo de la esperantigita libro:
La homo nevidebla : Historia romano / Gárdonyi Géza ; tradukis: Pásztor László
http://mek.oszk.hu/19300/19359 informis nin *Katja Steele*





**3zzz** La elsendo de la 20a de majo aldonas pli da informoj pri la Esperanto- movado en Afriko kaj ree atentigas pri la danĝero de nuklea energio









Je mia naskiĝdatreveno,
la 22an majo 2019,
mi atingis la aĝon de 88 jaroj.
Roger Springer.



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***